

FANZERANTO

# Pli ol 7 jaroj en la spiritismaj rondoj 3







4









# La Cionismo de Zamenhof 5

Jaro 8 - Numero 11
Poŭzalegro
Minas-Ĝerajso
Brazilo
Outubro - 2017




Saluton karaj!

Jes, nun ni adiaŭas vin, bedaŭrinde tiu ĉi estas la lasta eldono de nia revueto. Fakte tiu ĉi revueto estis granda revo, multaj da homoj kiuj kune revis pri ĉi tiu revueto jam forpasis, kaj tiu ĉi revo ankaŭ forpasis kun ili.
Ĉi tiu eta projekto apartenis al EKPA (Esperanto Klubo Poŭzalegro), ni planis tion en 2002, ni multe babilis kaj intencis krei profesian informilon por nia regiono. Nuntempe ne ekzistas Esperanto-Movado en nia regiono, preskaŭ ne ekzistas Movado en nia urbo, fakte preskaŭ ne ekzistas esperantistoj ĉi tie. :*-(

Se vi volas pliajn informojn sendu mesaĝon al: **esperanton@gmail.com**

En ĉi tiu numero ni havas grandan artikolon pri cionismo kaj nia kara Zamĉjo, ankaŭ vi scios pli pri la interesegaj ludoj de Lopoĉo, ni lernos iom pli da veganaj receptoj de Andy kaj mi ankaŭ parolos pri mia spertoj ĉe la spiritisma rondo.

## Enhavo

Pli ol 7 jaroj en la spiritismaj rondoj....03
Veganaj Receptoj....04
La Cionismo de Zamenhof....05
La fina venko, letero skribita en alia realaĵo....07










FANZERANTO



Jaro 8 - Numero 11

Direktoro: Fábio Silva

Diagramado: Projektnesto Monda Lingvo

Bildoj: OpenClipart kaj OpenVector

Revizio: Antônio Carlos de Moreira Mederos, Jésus O. Martinez e Couto kaj Anna Lobo de Carvalho

Ankaŭ helpis nin en ĉi tiu eldono: Everton Linhares, Sylvain-René de la Verdière, Jânio S. Ferreira kaj Andy Hernandez Martínez .

Fanzeranto estas sendependa organo; la opinioj de niaj kunlaborantoj ne ĉiam spegulas la niajn.



esperanton@gmail.com

# Pli ol 7 jaroj en la spiritismaj rondoj

Fábio Silva

En Brazilo la Kardecisma Spiritismo estas ege konata religio, fakte ĝi estas multe pli fama ol en sia naskiĝlando, Francujo. Mi ekkonis ĉi tiun religion, kiam mi estis 17 jara en malgrandeta urbo Heliodora, suda parto de la subŝtato Minas-Ĝerajso, iomete kaŝita kaj interna parto de Brazilo, ĉi tiu religio estis en mia vivo pli ol 7 jaroj. Mi estis serĉanta junulo serĉante la "veron", en ĉi tiu tempo, laŭ mi, ĉi tiu estis la plej fidema kaj honesta religio, kiun mi iam konis, mi, naskita en religiema katolika familio, mi, kiu ĵus estis foriranta el katolika lernejo, trovis en ĉi tiu religio mian sekuran havenon.

Bedaŭrinde, mi ĉiam estis scivolema, kaj multe el ni scias, ke scivolemaj homoj neniam estas bonvenaj en iu ajn religio, en spiritismo tuj mi malkrovus tion. Mi eklernis la bazojn pri la religio, unue la Libro de la Spiritoj kune la Evangelio laŭ Spiritismo, post du jaroj mi komencis miajn studojn laŭ la Libroj de la Mediumoj, mi estis agema kaj laborema helpanto ĉe la institucioj, kiujn mi partoprenis, ĉar mi ĉiam ŝatis esti kune en la renkontiĝoj kaj lerni pri la doktrinoj ĉe la aliaj partoprenantoj. Mi vojaĝis al kelkaj kongresoj kaj mi eĉ estis en Esperanta kaj Spiritisma Kongreso, danke al spiritismo mi eklernis Esperanton, unu el la plej bonaj aferoj, kiuj okazis al mi dum ĉi tiuj jaroj.

En ĉi tiu medio mi ekkonis aliajn "ne-permesitajn" autorojn, kiuj ankaŭ verkis pri spiritismo, Waldo Vieira, Jean-Baptiste Roustaing kaj Ramatis, iom-post-iom pligrandigis mian scion pri la doktrino, la lernado de la verkoj de ĉi tiuj "ne-permesitaj" aŭtoroj ne estis bone komprenata de miaj kunuloj, sed mi ankaŭ ellernis la oficialajn kaj permesitajn verkojn de Kardec, Léon Denis, Divaldo Franco kaj Chico Xavier. Post ĉi tiu lernado miaj duboj kreskiĝis kaj mi multe bezonis solvi ilin, miaj demandoj ne estis responditaj, la leteroj senditaj al kelkaj gravuloj ankaŭ neniam trovis respondojn, multaj homoj en la spiritisma domo kiu mi apartenis konsilis min preĝi kaj forgesi ĉi tiujn demandojn, ĉar ĉi tiuj duboj estis plantitaj en mia menso por la obsedantoj, ĉi tiuj malpuraj spiritoj ne volas mian spiritan evoluiĝon. Se mi ne povas demandi, se ĉi tiuj demandoj ĉagrenas la homojn kaj malhelpas la institucion, do laŭ mi, la demandisto ne estis bonvena, se la kredo ne toleras kritikojn kaj scivolemajn homojn, ĝi ne estas kredinda.

En la spiritismaj societoj, kiujn mi partoprenis, mi ĉiam estis instruita, ke la spiritisma doktrino estis surbazita je la scienco, sed post kelkaj jaroj mi konstatis, ke scienco kaj spiritismo ne povas marŝi sur la sama vojo. Mi ankoraŭ ne sukcesas kompreni kiel instruitaj homoj povas esti tiaj naivaj kredante je spiritaj ĥirurgioj, transtombaj kontaktoj, universala etero kaj aliaj "veraĵoj". Se tio fakte veras, kial ĝis nun neniu prenis la altvaloran premion kun la famega mistifika serĉanto James Randi?

Danke al spiritismo mi fariĝis esperantisto, framasonisto kaj finfine ateisto, ĉi tiu religio instigis al mi la serĉadon, ĝi montris al mi, ke ekzistas bonaj kaj malbonaj intencoj en iu ajn religio, ĝi ankaŭ instruis min, ke nur mi respondecas por miaj agoj kaj certe, la plej grava afero donacita al mi per spiritismo estas la mortigo de mia naiveco.

***Kardek kaj Xavier***



# Veganaj Receptoj

**Andy Hernandez Martínez**

***Vegana manĝaĵo tre bongustas, tial, mi volas montri ĉiunumere recepton de tradiciaj manĝaĵoj sed veganaj!***

Krudvegana lasanjo: por la bonfarto de niaj verduloj!

Karaj amikoj! En la norda hemisferio jam alvenis la printempo! Jam pasis la tempo kiam oni emis manĝi pli densajn kaj varmajn manĝaĵojn kaj nun emas al pli freŝaj kaj refreŝigaj pladoj, sed same sanaj, nutrigaj kaj veganaj! Mi proponas al vi ne nur tion, sed eĉ pli! La sekva recepto estas krudvegana. Tio signifas ke neniu el ĝiaj ingrediencoj estis en la fajro por pli bone profiti ĉiujn ĝiajn proprecojn. Same, ĝi estas tre facile farebla kaj imitas la internacie fame konata itala plado "lasanjo". Faru ĉe vi kaj vi estas same surprizita kiel mi!!!

2 grandaj ĉampinjonoj
1 kukurbeto
1 taso da kaĵunuksoj enakvigitaj dum 4 horoj
1 fasko da spinacoj
eruko
olivoleo
1 granda avokado
salo
citrono
akvo
1 tomato

Paŝoj:
Tranĉu fajne la kukurbeton, se vi havus specialan ilon por tio, eĉ pli bone, ankaŭ la tomaton, la avokadon kaj la ĉampinjonojn.

Miksu la ĉampinjonojn kun citronsuko, oleo, salo kaj opcie iom da sojsaŭco, kaj lasu ĝin ripozi.

Preparu kremon el la fasko da spinacoj kun la enakvigitaj kaĵu-nuksoj kun iom da akvo, suko el duono de citrono, salo kaj kirlu iom post iom por akiri kremecan konsiston, ne tro likvan.

Formu la lasanjon kun ĉiuj ingrediencoj, unu super alia.

Ni povas fine uzi la erukon por beligi nian pladon apud iom da densa vinagro, kiu taŭge povas esti el framboj :)



**Jânio S. Ferreira**

# La Cionismo de Zamenhof

*Mi ne celas reprezenti ĉi tie iun ajn politika aŭ ideologia pozicio, nek antaŭjuĝemaj sintenoj, sed mi ne arestigos min al tio, kio estas ordinare politike korekta kaj cinika, en kiu ni estas alkutimitaj ekde la infanĝardeno. Ni lasu la konvenaĵojn kaj mensogojn por tiuj, kiuj estas bonaj en tio, tiel estas, por la profesiuloj kaj kontrolistoj de amaskomunikiloj.*

*En la 29-a de novembro de 1947, naskiĝis la ŝtato de Israel per forto de la Rezolucio 181, aprobita de la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj (AGNU). Usono kaj Sovetunio, meze iu ŝajne malvarma batalo, kuniĝis por apogi la cionisman kaŭzon. La palestina teritorio, escepte de Jerusalemo, kiu en tezo, devus esti neŭtrala teritorio sub guvernado de UN, estis oficiale dividita. Tamen, post dudek ok jaroj, se senĉesaj konfliktoj inter araboj kaj israelanoj - sekvante la ekzemplo de aliaj Rezolucioj kaj Deklaroj de Internaciaj Komunumoj - la UN mem adoptis la REZOLUCION 3378, kiu KOMPARIS CIONISMON AL IU FORMO DE RACISMO KAJ RACIA DISKRIMINACIO. Estis necese preskaŭ tridek jaroj, ekde la kreado de la israela ŝtato, por rekoni tion, kio estis ĉiam klara, kaj malpli ol dudek jaroj por, ke tiu ĉi Rezolucio iĝu nuligita.*



*La unua afero, kaj eble la plej grava, kiun ni devas scii, estas, ke cionismo ne estas sinonimo de semitismo, sekve anticionismo ne temas pri judfobio aŭ antisemitismo. Ni prenu kiel ekzemplo la antisionismaj "judoj", la ortodoksa grupo Naturei Karta au eĉ la propraj denaskaj "judoj" de Palestino, kiuj ne vidis la neceson krei Judan Ŝtaton, ĉar tio kompromitus ilian rilaton kun la araboj.*

*La teorio pri politika sionismo aŭ moderna sionismo estis pripensita de la fals-juda ĵurnalisto Theodor Herzl, en sia verko "La Juda Ŝtato", publikigita en 1896, kaj lia propono estis la transformo se la juda religio en politikaj kaj naciistaj aspiroj. En sia libro, Herzl disertas pri la kaŭzoj kaj efektoj de antisemitismo; pensas pri la plej bona loko - Ĉu Palestino aŭ Argentinio - por la kreado de la Juda Ŝtato; li linias politikan sistemon kaj jur-konstitucian kaj infra-konstitucian ordojn ekstreme kruda kaj kun manko de detaloj. Li traktas la temon pri kreado de iu Ŝtato per iu maniero ekstreme simplema, kiel kiu faras liston de aĉetado por provizi konservejon.*

*En unu el liaj notoj datitaj de 1895, Herzl skribis sian perfidan planon:*
*"Ni provadu malaperigi la povran araban popolon al ekster la limoj, donante al ili laboron en transitaj landoj, dum ni neas laboron al ili en ties propra lando. Tiom la malapropiga kaj forviŝa procezo de la povruloj devas esti realigita per diskreta kaj kaŝema maniero".*

*Laŭ la historiistoj, antaŭ la 20-a jarcento estis malmulte aŭ nenia konflikto inter la judoj el "malnova yishuv" kaj araboj. La konfliktoj komenciĝis en la 80-a jardeko se la 19-a jarcento kun la alveno de la unuaj cionismaj sinjoroj. Interese estas rimarki, ke en la sama epoko estis lanĉita la unuan regularon pri la gramatiko de Esperanto, la Internacia Lingvo, de Zamenhof. Ne estas novaĵo, ke la kreanto de Esperanto ankaŭ estis "judo", tamen, la demando ĉi tie estas provi scii ĝis kie cionismo havis sian influon sur li kaj, klare, sur sia plej granda kreaĵo, tiel estas, Esperanto.*

*Zamenhof fondis en Varsovio la unuan cionisman asocion - La amikoj de Ciono. En letero datita de la 21-a de februaro de 1905, Zamenhof raportas pri sia profunda admiro al la cionisma idealo:*

*"En mia juneco, por longa tempo, mi estis arda 'cionisto', cionismo ankoraŭ ne estis fama; mi estis unu el la unuaj pri tiu ideo, do, miaj samlandanoj mokis, kiam, kun juna ardo kaj profunda konvinko, mi parolis pri rekonstruado de la juda lando en Palestino.*

*Mi laboris kun energio por tiu ĉi ideo kaj kun sukceso mi fondis la unuajn cionistajn grupojn. Poste tri aŭ kvar jaroj de energia laboro por cionismo, mi alvenis al la konvinko, ke tiu ĉi ideo ne kondukus al iu ajn celo kaj, tial, mi rifuzis ĝin, sed en mia koro ĝi ĉiam ĉeestis kara kiel agrabla sonĝo, sed nerealigebla; kiam en 1897 aperis la granda cionisma movado organizita de Herzl, sed mi jam ne plu povis aniĝi al ĝi".*

*La historio estas iom konfuza kaj ofte kontraŭdireca. Multaj aferoj okazis malantaŭ la kulisoj, pro tio eble ni neniam scios tion, kio fakte estas vera, kaj kio estas malvera. Por la defendantoj de teorio nazi-cionisma, Adolf Hitler estis gvidita al la povo kun la kunlaboremo kaj monhelpo de la propra cionismo - la sama, kiu servus por Joseph Stalin - tamen, por aliaj studantoj, Hitler estis la plej granda kaj la plej radikala anti-cionismulon, kiun la historio jam konis. En sia verko, Mia Batalo, li menciis kaj priskribis la Internacian Lingvon kiel frukton de iu cionisma revolucio:*
*"En la momento, tamen, en kiu tiuj (popoloj) iĝu liaj vasaloj, ili ĉiujn devus lerni universalan idiomon (ekzemple, Esperanto!) por ke tiel ili povu esti regitaj pli facile de la*

*judismo".*

*Fakte, en la nuna staĝo de la tutmondiĝo, praktike ĉiu popolo estas nur vasaloj de la Nova Monda Ordo, tiel, la universala principo, se la memdetermiĝo de la popoloj ne estas pli ol malpravigebla argumento de la internacia cionisma politiko. Nu, la cionismo estis en la komenco - kaj ankoraŭ estas - monhelpigata de la membroj de la fals-juda familio Rothschild, la plej granda banka dinastio de Eŭropo. La fama letero por la eks-ministro de la Unuiĝinta Regno, Arthur James Balfour, adresita al Lordo Rothschild, la tiama vic-prezidanto, se la Cionisma Brita Federacio, pli konata kiel Deklaro de Balfour, evidentigas la britan klopodon por la fondiĝo de Israelo.*

*Tamen, estus insulto kaj iom nejusta la komparado de tiu cionismo de komenco kaj naiva pripensita de Zamenhof, kiu*



*celis nur la kreadon de iu "Nacia Domo de la Judoj", kun la veraj kabalismaj masonismaj intencoj, al la reviziita cionismo de Ze'ev Jabontisky aŭ, eĉ, klare, al la mortigema propono de la fals-juda Theodore N. Kaufman, kiu publikigis dum la jaro 1941 "Germany must perish" (Germanio devas morti!). En tiu ĉi libro, Kaufman planis la tutan forigon de la germana popolo. Kelkaj studantoj kredas, ke tiu ĉi libro estis la unua kialo, kiu gvidis al la kreadoj de la famaj koncentrigaj kampoj de la nazia reĝimo.*

*Kiel oni scias, Esperanto jam estis konsiderata kiel lingvo de komunisto kaj potenca malamiko de la Ŝtato en la nazi-faŝisma vidpunkto kaj nur ilo de la burĝa kaj kosmopolita internaciismoj, lingvo de spiono en la stalin-soveta koncepto. La fakto, ke ĉiuj tiuj mitologiaj reprezentoj ĉirkaŭ la Esperantista Movado ankaŭ estas konsekvenco de la envolviĝo de Zamenhof kun la Cionisma Movado.*

*Estas ne negebla, ke la ekstrema religia etoso kiel estis Espeanto kaj, malfeliĉe, ankoraŭ estas disvastigata, estas iom kontraŭdira kun siaj propraj principoj pri lingva kaj ideologia esperantaj neŭtralecoj, tamen, konsiderite, ke la religio estas la opio kaj la apogilo, kiu helpas la homon promeni, la ĉeesto de la religiemeco en la esperanta movado ne malhelpis la antaŭeniron de la internacia lingvo tiom kiom la frua agordiĝo kun sia kreanto (iniciatinto) kun la idealoj de politika cionismo.*

*La vero estas, ke la Ŝtato de Israelo, ne estis kreita kun la milda intereso servi nur kiel la "Nacia Hejmo de La Judoj" - kiel iam Zamenhof revis - tiu estas la granda klopodo, kiun la du plej povaj, influaj kaj konservismaj familioj de la planedo - la ROCKEFELLER (en Usono) kaj la ROTHSCHILD (en Eŭropo) - jam kreis. Tiel, tiu dolĉa sonĝo de Zamenhof, vere, iĝis amara gusto, ne nur por la palestina popolo, sed por tuta homaro. Hodiaŭ, neniu batalo estas ekigita kaj neniu paco estas selita sen la israela cionisma koncedo.*

*Tamen, en 1914, jam en la kulmino de sia homaranisma filozofia pleneco, Zamenhof estis invitata por aniĝi al Esperanta Juda Asocio, sed tuj rifuzis:*

*"Mi estas profunde konvinkita, ke ĉiu nacionalismo prezentas por la homaro nur plej grandan malfeliĉon, kaj ke la celado de ĉiuj homoj devus esti: krei harmonian homaron. Estas vero, ke la nacionalismo de gentoj premataj – kiel natura sindefenda reago – estas multe pli pardoninda ol la nacionalismo de gentoj premantaj; sed, se la nacionalismo de fortuloj estas nenobla, la nacionalismo de malfortuloj estas neprudenta; ambaŭ (naskas kaj subtenas unu la alian, kaj prezentas eraran rondon de malfeliĉoj, el kiuj la homaro neniam eliros, se ĉiu el ni ne oferos sian grupan memamon kaj ne penos stariĝi sur grundo tute neutrala.*

*Tio estas la kaŭzo, pro kiu mi, malgraŭ la korŝirantaj suferoj de mia gento,* ***ne volas ligi min kun hebrea nacionalismo, sed mi volas labori nur por interhoma justeco absoluta****. Mi estas profunde konvinkita, ke per tio mi alportos al mia malfeliĉa gento multe pli da bono, ol per celado nacionalisma."*

*Pere de la klasika esperanta aforismo: "Por ĉiu popolo sian lingvon; por ĉiuj popoloj Esperanto", kiu regas la principon de la kultura defendo, oni povas neesprime dedukti, ke la respekto kaj la protekto de la biologia, arta, socia kaj sintena hereda propraĵo de ĉiuj popoloj kaj civilizacioj estas - aŭ almenaŭ devus esti - prioritato de la Esperanta Movado.*

*En la kontraŭfluo de tiu ĉi principo estas la troa kaj detruiga politika PLURKULTURALISMO fomentita de la cionisma lobio, kiu celas la forviŝon de ĉiu kaj ajna etna identeco kaj socia strukturo. Ĝia celo estas "dividi por konkeri aŭ imperi", ordinara kaj miljara politik-milita praktiko uzita de pluraj imperiestroj, reĝoj kaj gubernistoj - Júlio César kaj Napoleono, ekzemple - dum la tuta historio. Sed ne estus Esperanto ankaŭ plurkultura lingvo? Jes, certe, sed por pedagogiaj kialoj kaj propedeŭtikaj valoroj kaj ne por ekonomiaj kaj politikaj trajtoj, jam, ke ni necesas kaj defendas neŭtralan egalan, praktikan kaj facile kompreneblan lingvon por iĝi ilo por internacia komunikado, sen influo de la diplomata libertinismo. Tia klarigo estas pli ol sufiĉa por montri, ke Esperanto ne portas - aŭ ne devus porti - en sia kerno la tenebran cionisman makulon.*

# LoPoĈo

**Fanzeranto:** Kio estas Lopoĉo?

**Sebĉjo:** LoPoĉo (Ludoj Por Ĉiuj) naskiĝis en januaro 2011 kiel blogo, kie mi prezentis kartludojn, ĵetkubludojn kaj aliaj tabloludojn (ludoj.over-blog.com). Post unu jaro, mi rimarkis ke preskaŭ neniu vizitis la blogon... Mi pensis ke eble la esperantistoj ne legis ĝin ĉar la ludoj pri kiuj mi parolis ne estis ludoj en esperanto.
Do mi decidis ke iu devus krei ludojn en esperanto por esperantistoj ! Mi multe laboris por fari miajn proprajn ludojn : la kartludon « Ĝaberŭoko », kaj la strategiludon « Kvaredroj », kaj mi eldonis ilin uzante la retejo The Game Crafter. Nun ili haveblas ĉe la nova retejo de LoPoĈo: (http://scastelbou.wixsite.com/lopocho), kiu nun estas la nomo uzita por eldoni ilin.

**Fanzeranto:** Ludoj kreitaj en Esperantujo por esperantistoj, ĉu vi pensas, ke ĉi tiuj ludoj ankaŭ povus esti varbiloj al neesperantistoj koni nian internacian kulturon?

**Sebĉjo:** Ili povus se ili estus famaj, sed ankoraŭ neniu konas ilin, eĉ en Esperantujo. Sed mia celo ne estas varbi aliajn esperantistoj, nur fari ludojn por esperantistoj.

**Fanzeranto:** Kial krei ludojn en Esperanto?

**Sebĉjo:** Por havi internaciajn ludojn, kiuj ne bezonus tradukon kaj povus esti luditaj de esperantistoj dum kongresoj, en asocioj aŭ kluboj. Mi ofte vidis geesperantistoj ludi dum renkontiĝoj, sed preskaŭ neniam esperantajn ludojn. LoPoĈo provas krei tiujn ludojn.

**Fanzeranto:** Kiom vi pensas pri la ciferigitaj ludoj, kiel allogi junulojn ludi tablan (tradiciaj) ludon?

**Sebĉjo:** Mi ne vere scias. Mi malofte ludas ciferigitajn ludojn... mi preferas teni pecojn, ĵetkubojn, kartojn, ktp... kaj tuŝi la ludpleton, same kiel mi preferas senti la paperon de libroj ol legi bitlibrojn.

**Fanzeranto:** Parolu ankaŭ pri viaj aliaj projektoj.

**Sebĉjo:** En 2016, LoPoĈo ankaŭ eldonis paperan libron, akompanate de rubikkubo. Estas dulingva fantasta poemo verkita en Esperanto de Sylvain-René de la Verdière, adaptita en la franca de Céline Maltère kaj ilustrita de Mathilde Loiseau-Voinchet. Fanzeranto jam eldonis la esperantan version titolitan "La Civito de la Nebuloj". Ĝi temas pri sonĝa urbo, perdita en nekonata dimensio kaj frekventita de strangaj kreaĵoj. Nia libro estas la tria eldono, ĉar ekzistas plurajn versiojn ilustritajn de diversaj personoj. La libro haveblas ĉe Amazon. Pli da informoj ĉe nia retejo.









# www.duolingo.com






Esperanta Ambasadejo

Embaixada Esperantista

Embaixada do Esperanto

**Esperantejo en Sudminasa Regiono**

Rua Lourdes Souza Santos, 156, Colina Verde

Pouso Alegre - MG - Brasil

CEP: 37550-000

**esperanton@gmail.com**

www.linguainternacional.pe.hu

www.facebook.com/esperantaambasadejo




facebook.com/vakua.esperantisto

VeganArto

veganarto.net